mem, ke la frato testamentis ion al li, ja pasis almenaŭ kvin jaroj, ke ili lastfoje vidis unu la alian. Kaj cetere, kion li faru per la bildo? Ĉu pendigi en la ĉambro kaj distaŭzi la longe kutimitan varme harmonian atmosferon? Ĉu meti anoncon en ĵurnalo kaj vendi ĝin? Ĉu tiel, ĉu aliel, li antaŭsentis, ke tiu heredaĵo almenaŭ por certa tempo nepre forblovos lian trankvilon.

Kaj por kreskigi lian ĉagrenon, la pentraĵo eĉ estis sufiĉe granda, ĝi ampleksis almenaŭ tri kvadratajn metrojn. Kiam la dungitoj de la transporta firmao foriris, Lorenco Lam kun enuaj movoj komencis ŝiradi la pakpaperon, kaj dume vidis, ke la detektivromano, kiun li metis malfermita sur la fotelon, malrapide, sed nehaltigeble fermiĝas. Kompreneble, li bone memoris la numeron de la paĝo, kie li ĉesis legi, tamen, en tiu natura fenomeno ŝajnis al li manifestiĝi decido de iu supernatura forto. *Tio forprenis de li* eĉ la restintan serenon. Fininte la malpakadon lia konsterniĝo nur pliiĝis. La pentraĵo montris scenon ŝokan, harstarigan kaj ne malmulte maldecan. Tri personoj kartludis ĉirkaŭ ronda *tablo: du virinoj kaj* unu viro. Unu el la virinoj estis komplete nuda, la alia surhavis nur kalsoneton kaj kombineon, sed ĉi lasta estis ĉifita malsupren: videble ŝi ĵus deprenis la mamzonon kaj ankoraŭ ne reĝustigis la kombineon. La viro ankaŭ estis nekomplete vestita: li malhavis jakon kaj kravaton, kaj la manikoj de lia ĉemizo estis refalditaj.

Lorenco Lam nun jam komprenis la intencon de la frato. Li volis fari sensspritan ŝerson eĉ post sia morto, bone sciante, ke tiu heredaĵo kaŭzos al Lorenco Lam ne malmultajn sendormajn noktojn. Ja kion fari kun la bildo? Pendigi ĝin estus absurde, tiu ĉi loĝejo ne povas toleri la ĉeeston de samspeca maldecaĵo, sed ankaŭ liberiĝi de ĝi ne *estos facile. Kiu ja aĉetas tiaĵojn?* Kaj eĉ senpage, al kiu donaci ĝin? Lorenco Lam estis konata en la domo, kiel homo serioza, deca, kion oni pensos, se li komencos reklami sian pentraĵon? Ja vane li diros, ke li heredis ĝin, por la plimulto de la homoj tio signifos nenion, oni memoros nur, ke la respektinda Lorenco Lam foje provis vendi aŭ fordonaci pentraĵon, kiu montras maldecan scenon.

La zorgoj tute malesperigis lin, kaj estis jam preskaŭ noktmezo, kiam li rekonsciiĝis al sia konfuziteco kaj iris al la banĉambro. La nerimarkita maltrafo de la longe kutimita tempo por enlitiĝo eĉ pliigis lian embarason. En la lito ankoraŭ longe li kuŝis maldorme, kaj lia rigardo ĉiam pli ofte haltis kun laca deprimiteco sur la bildo, kiu kvazaŭ fosforeskis en la mallumo, almenaŭ la blindige blanka femuro kaj ŝvelaj mamoj de la komplete nuda virino.

Fine li sukcesis endormiĝi, sed la dormo ne donis al li trankvilon. Apenaŭ li transpaŝis la sojlon de la senkonscio, kaj atendis la unuan kareson de la dolĉa nenio, kiam la pentraĵo abrupte viviĝis. La alia virino —nigra, kun migdalformaj, sed grandaj okuloj— provis reĝustigi sian kombineon, sed ŝi ne sukcesis trovi *la braktruon*, kaj lasis la aferon. La alia virino trinkis iom el la glaso, kiu staris antaŭ ŝi, kaj levante la kapon por repreni la kartojn desur la tablo, ŝi rimarkis lin. Je la sincera miro de Lorenco Lam ŝi ne *ekkriis, tute ne konsterniĝis*, nek kovris la bruston kaj la sinon per la manoj, eĉ kontraŭe, ŝi stariĝis kaj kun provoka rideto ekiris al lia lito. Lorenco Lam time tiriĝis al la muro, kaj volis fermi la okulojn, tiom pli, ke la senpudora korpo de la virino disradiis en la ĉambro helbluan, vibrantan lumon, sed liaj palpebroj ne obeis. Kun larĝe malfermitaj okuloj li gapis la lumantan fenomenon. En la nervostreĉa, blindiga fosforeskado prezentis trankvilon nur tri punktoj: unu pli granda sube, kaj du malgrandaj supre. Pasis almenaŭ kelkaj sekundoj, eble eĉ minutoj, ĝis Lorenco Lam konsciiĝis, ke la granda makulo estas la seksoharoj, kaj la du malgrandaj la butonoj de la mamoj.

La virino estis jam *tute proksime*, kaj Lorenco Lam sentis mortotimon. Li volis krii, sed ia stranga varmo mutigis lin kaj perdis la konscion. La trostreĉitaj ĉeloj de lia korpo esperis, ke nun venos la vere sensonĝa, griza, ripoziga dormo, sed pasis nur momento, kaj reaperis antaŭ liaj okuloj la ondantaj mamoj kun la du antracite nigraj, ne, jam malhelruĝaj punktoj, kaj ankaŭ la tria, kiu daŭre promesis enlulon, dolĉan neniiĝon meze de la helblua vibrado de la femuroj kaj la ventro, sed ĉio ĉi jam ne vidiĝis tiel klare, kiel antaŭe, sed kvazaŭ tra nebulo aŭ maldika vualo.

La nokto pasis sen momenta vera ripozo, la virinoj alterne proksimiĝis al li, sed neniam ili atingis lin. Kiam la unua ruĝa radio de la leviĝanta suno penetris en la cambron, Lorenco Lam

tuj ellitiĝis, kvankam li estis pli laca, ol vespere. La bildo staris senŝanĝe sur la loko, kien la transportistoj metis ĝin, kaj ankaŭ la vibrado malaperis komplete.

Lorenco Lam enpensiĝis. Estis por li klare, ke la noktaj eventoj nur estis sonĝo kaj halucinaĵoj, kaj la tutan koŝmaron kaŭzis la serio de ŝokoj, kiun malfermis la apero de la advokato.

Tiu rekono iom fortigis lin, kaj li sukcesis pasigi la dimanĉon, kiel kutime, promenante, kun tagmanĝo en bonkvalita restoracio. La problemoj reviviĝis nur vespere, en la lito, kiam la bildo ŝajnis denove fosforeski, kaj vane Lorenco Lam kovris ĝin per littukoj, la malvarma lumo de la virinaj korpoj trapenetris ĉion.

La nokto pasis, kiel la antaŭa, kaj Lorenco Lam ekiris lundon matene al la oficejo kun la firma decido, ke tiun ĉi tagon li dediĉos al la celo iamaniere liberiĝi de la malbenita bildo.

Lorenco Lam, kiel decas al konservativa ĝentilhomo, la donitan promeson ĉiam konsideris sanktaĵo, eĉ, se li faris la promeson al si mem. "Kiu trovas pretekstojn antaŭ si mem, tiu baldaŭ ĉasos tiajn por klarigi neplenumon de promeso, farita al alia homo." Tamen, spite siajn firmajn principojn posttagmeze li ĉasadis jam tiajn pretekstojn, ĉar li eĉ ne proponis al iu ajn la bildon. Plurfoje li kolektis la fortojn, sed ĉiam katenis lian langon iaspeca miksaĵo de honto, nekonveneco kaj tute stranga, nekomprenebla maltrankvilo. La bildo restis, kaj la lunda, eĉ marda nokto pasis kun la skuaj, animkirlaj sonĝoj.

Dum la sonĝoj li vidis la bildon en mil variaĵoj, kaj tial merkredon matene li decidis bone rigardi ĝin posttagmeze, post la laboro, kaj fiksi ĉiujn detalojn en la memoro. Li atendis, ke la precizeco forblovos la misteron, kiu ŝvebas super la bildo, kaj tiamaniere ĝi ne povos plu ĝeni lin dum la noktoj.

Reveninte el la oficejo li surprenis sian hejman mantelon kaj sidiĝis antaŭ la bildo. Li devis agnoski, ke ĝi estis kreaĵo de homo, kiu bone konis sian arton. En la tri vizaĝoj esprimiĝis kvazaŭ tri diferencaj mondoj: tiu de la nuda virino radiis mildan serenon, naivan ĉarmon, preskaŭ senkulpecon, la alia rigardis kun okulumo koketa, provoka, sed ne tiel triviale, kiel la samspecaj virinoj, kiujn li kutimas vidi ĉirkaŭ la Urba Monumento. Kaj la plej karakterizan bildon ofertis la vizaĝo de la viro: li estis ĉirkaŭ kvindekjara, kun trajtoj parolantaj pri laco, rompiteco, sed en liaj kavaj okuloj tamen oni povis rekoni certan fajreron vivan, kiu ne lasis dubon, ke li ankoraŭ havas la plenan kapablon ĝoji kaj ĝui la vivon. Lorenco Lam kun volita objektiveco pensis, ke lia frato verŝajne similis tiun viron, sed poste lia rigardo reglitis al la virinoj. Por vidi ilin pli bone, post kvaronhora penado li sukcesis pendigi la bildon sur la najlo, kiu dum la vivo de la edzino tenis sanktan ikonon, sed kiun li, ne estante religiema homo, donacis al la bofratino. Li devis konstati, ke ambaŭ virinoj estis tre belaj, kvankam tre diferencaj. La tute nuda kun longaj blondaj haroj reprezentis —nun li jam kuraĝis konfesi al si mem— la senkulpecon. Sed tiu senkulpeco ne radiis sole el ŝiaj okuloj kaj vizaĝo, sed el ŝia tuta mildkontura korpo. Lorenco Lam, kiu vidis nudajn virinojn nur en sia knabaĝo sur pornografiaj fotoj, kaj en la realeco nur sian edzinon, sciis apreci la belajn formojn de ŝia korpo. Kaj la alia, kies haroj estis nigraj kaj tonditaj mallongaj, ankaŭ havis sian allog-forton. Ŝi ŝajnis iom pli juna, eble eĉ ne dudekjara, ŝiaj mamoj ne estis tiom evoluintaj, sed rekompence fiksformaj kaj malmolaj. Post la zorga rigardado la senvestaj virinoj ĉesis esti ŝokaj por li, sed la tuto de la bildo tamen restis iel malnatura, mistera. Lia plano forblovi la misteron do sukcesis nur duone. La sonĝoj daŭris, tamen, ili ĉesis esti ŝokaj, timigaj, jam kaŭzis nur iometan maltrankvilon, ekscititecon, eĉ ne malagrablan. La tagoj fluis, kiel antaŭe, kun la escepto, ke Lorenco Lam ĉiun sian liberan tempon dediĉis al la bildo.

Li jam tute ne provis vendi aŭ fordonaci ĝin. Li vivis sian vivon sola, pli ĝuste en stranga duopo kun la bildo, kaj maldungis eĉ la purigistinon, kiu antaŭe ĉiusemajne venis ordigi iom la loĝejon, por ke neniu lin ĝenu dum la intimaj horoj kun la pentraĵo. Lorenco Lam volis ĉiel ajn deĉifri la enigmon de la bildo, trovi la ŝlosilon de la mistero.

Jam pasis du monatoj depost la ricevo de la pentraĵo, kiam vekiĝis en li hereza penso: li devus rekonstrui la scenon en la realeco, kaj tio certe multe helpus al li penetri en la misteron. Unue li forĵetis la ideon, kiel absurdan, nenormalan, sed baldaŭ li jam pretekstis la praktikan nerealigeblecon de la plano. Kaj tiam li ekmemoris pri la stravirinoj ĉirkaŭ la Urba Monumento. Vere, ke neniu el la ĝis nun viditaj povus konkurenci kun la beleco de tiuj sur la bildo, sed tio, pensis Lorenco Lam, ne tuŝas la esen-

con de la afero. Post tiu ĉi decido signifan parton de sia libera tempo li pasigis promenante ĉirkaŭ la Urba Monumento. Li spektis la virinojn kaj serĉis inter ili tiajn, kiuj plejeble similis tiujn sur la bildo. En la oficejo, eĉ en la domo oni jam parolis pri la strangaj promenadoj de Lorenco Lam, sed la eksperimento tiel absorbis lin, ke li eĉ ne aŭdis la klaĉojn. Fine li sukcesis trovi du virinojn, kiuj, se ne ideale, tamen taŭgis por la celo. Li ankaŭ aĉetis libron kun kartlud-reguloj, kaj ellernis preskaŭ ĉiujn. Dum longaj semajnoj atendadis, por trovi ambaŭ elektitajn virinojn sur la placo ĉirkaŭ la Monumento samtempe, sed iun vendredan posttagmezon li decidis ne plu atendi, kaj alparolis la nigraharan, kiu tiam troviĝis tie. Laŭ la priskribo de Lorenco Lam evidentiĝis, ke ŝi bone konas la alian virinon, kaj baldaŭ ili interkonsentis, kvankam li ne eksplikis precize, pri kio temas, nur aludis pri speciala servo, por kiu li kompreneble pretas pagi laŭmerite. La virino promesis avizi sian koleginon kaj Lorenco Lam donis al ŝi sian adreson.

La renkontiĝo estis priparolita por sabatvespero. Sabaton posttagmeze Lorenco Lam aĉetis ĉion necesan, glasojn, trinkaĵon, cindrujojn plejeble similajn al tiuj sur la bildo. Reveninte hejmen li ĉion preparis, kaj kiel ajn tio ĝenis lin, li ne surprenis sian hejman mantelon, eĉ, refaldis la manikojn de sia ĉemizo, kiel estis videbla sur la bildo.

Precize laŭ la interkonsento, je la sesa horo oni sonorigis. Alvenis la du virinoj. Lorenco Lam iom embarasite rakontis al ili, kian servon precize li deziras. La virinoj ŝajnis ne multe miri, ili rigardis la bildon, fiksis la prezon, kiun Lorenco Lam kapjese akceptis, kaj rutinmove komencis senvestiĝi. Dum tiu sceno Lorenco Lam sentis strangan premon en la gorĝo, sed la kuriozeco de la situacio bone klarigis tion, ja dum sia vivo nenian li ankoraŭ vidis ion tian. Kiam ili finis, kaj sidiĝis al la tablo, Lorenco Lam ĝoje konstatis, ke la nigrulino kvankam li ne avertis ŝin — surhavas ĝuste tian bluan kombineon, kiel la virino sur la bildo.

Ili interkonsentis ludi pokeron. Antaŭ ol komenci, la virinoj menciis, ke ili povos resti maksimume ĝis la naŭa. Lorenco Lam konsente kapjesis.

Lia embarasiteco malpliiĝis nur iom post iom, kaj eĉ ne malaperis tute. Pro manko de praktiko en la ludo li ĉiam perdis, sed tio ne ĝenis lin, li nur pensis pri tio, ke jen, la bildo nun vere viviĝis, kaj li povas sondi ĝian sekreton elinterne. Ŝtelrigarde li komparadis la du vivajn virinojn kun tiuj sur la bildo. La simileco ne estis malgranda, tamen, el la gastinoj mankis ĝuste tiu fosforeska vibrado kaj malpezeco, kiuj estis la plej karakterizaj trajtoj de la du pentritaj virinoj. Ankaŭ iliaj konturoj montriĝis iom malpli ravaj, malpli allogaj, tamen, ilia ĉeesto ŝajnis efiki. Lia agrabla maltrankvilo, ekscititeco fortiĝis, kaj tio estis bona antaŭsigno, ja la virinoj kreskigis en li ĝuste tiun senton, kiun origine elvokis la bildo. Je la naŭa la du virinoj vestis sin, ricevis sian monon, kaj promesis reveni la venontan sabaton.

La sabatvesperoj ripetiĝis ankoraŭ multfoje. Lorenco Lam ne trovis la ŝlosilon de la mistero, sed li sentis esti ĉiam pli proksima al ĝi. La virinoj bone amuziĝis, ja plaĉis al ili la facila monakiro. Foje la blondulino pro vanteco jam ne eltenante la pasivon de Lorenco Lam, provis persvadi lin al pli konkretaj agoj, sed li rifuzis la proponon, kies akcepto ŝajnis al li sakrilegio. Ankaŭ la proponon de la nigra virino li malakceptis, nome, komenci la kartludadon vestitaj, kaj post ĉiu partio devigi al la malvenkinto demeti unu vestopecon, vane tiu klarigis, ke certe ankaŭ la bildo eternigas momenton de tia partio. Sur la bildo tio ne videblas, li fermis nervoze la diskuton kaj la du virinoj eksilentis.

Dank' al la ŝparita konsiderinda sumo la sabatvesperaj kartludpartioj ne skuis lian financan ekvilibron, tamen lia havaĵo jam estis degelanta. Sed li ankoraŭ havis ne malgrandan sumon sur sia konto, kiam alvenis skribaĵo, kiu pli ol io ajn skuis lian ekvilibron, se ne la financan, do la animan. La letero venis de la advokato de la mortinta frato, kaj anoncis, ke laŭ ĵusa malkovro la bildo ne estis laŭrajta posedaĵo de lia frato, li aĉetis ĝin de ŝtelisto, do li, Lorenco Lam devas ĝin redoni antaŭ ol la polico komencos molesti lin. Lorenco Lam tuj vokis telefone la advokaton, poste la policon kaj eĉ la laŭrajtan posedanton de la bildo, pruvis, argumentis, proponis aĉeti ĝin, sed vane, ĉiuj obstine kontraŭstaris lian klopodadon, kaj post kelkaj la bildo kun policista asisto estis forportita. Lorenco tute malesperiĝis.

Sabaton vespere denove aperis la virinoj, kaj Lorenco Lam rakontis al ili la eventojn. Tiuj provis konsoli lin,

ŝerce aludante, ke ili mem tamen estas tie, kaj virinoj vivaj ĉiam estas utiligeblaj pli ĉelkonvene, ol pentritaj, sed Lorenco Lam estis nekonsolebla. Jam post unu horo li pagis al la virinoj, kaj forsendis ilin dirante, ke ili ne venu plu, kaj tuj post ilia foriro ankaŭ li iris al la strato kaj aĉetis la detektivromanojn de la lastaj ok semajnoj. Reveninte al sia loĝejo li serĉis la hejman mantelon, kiun dum la lasta tempo sabate neniam uzis, kaj sternis sin en la fotelon por legi. Sed jam post dek minutoj li ĵetis la libron kaj fiksis sian rigardon al la muro, kie antaŭe pendis la bildo. Li streĉis la memoron por resorĉi ĉiun detalon, kaj la fantazion vidi ilin sur la muro, sed kun malmulta sukceso.

Lundon Lorenco Lam ne aperis en la oficejo. Posttagmeze oni telefonis al lia loĝejo, sed neniu respondis. Mardon matene la direktoro sendis oficiston por sondi, kio okazis al li, sed tiu vane sonorigis, neniu malfermis la pordon. Oni anoncis la aferon al la polico, kiu malfermis la pordon, sed la loĝejo estis malplena. Ĉiuj loĝantoj, kaj ankaŭ la domservisto estis pridemanditaj, sed neniu vidis lin foriri. Lorenco Lam malaperis sen postsignoj. La novaĵo elvokis grandan ekscititecon en la oficejo, sed post kelkaj semajnoj jam apenaŭ iu eldiris lian nomon. Nur la klaĉulinoj de la Malnova Kvartalo parolas foje-foje eĉ nuntempe pri la frenezîĝinta oficisto, kiu ŝtelis maldecajn pentraĵojn kaj ĉiusabate kunportis al sia loĝejo dek publikulinojn samtempe, sed oni ne multe kredas tiujn klaĉojn. La mistero de la malapero de Lorenco Lam restis nekonata por la postepoko, kiel li mem siatempe ne sukcesis malkovri la misteron de la bildo. Kaj kio okazis al la bildo mem? Nu, ĝian vojon ne kondukis feliĉo, ĉar la provinca vilao de la laŭrajta posedanto baldaŭ post la malapero de Lorenco Lam komplete cindriĝis. Kompreneble ankaŭ tiun akcidenton sekvis diversaj nekredeblaj klaĉoj, tamen estas notinde, ke el la stranga pentraĵo eĉ peceto ne postrestis.

"CIRMI"

---

## ALEKSANDRO MURATOV BULGARA HISPANISTO

La 15-an de junio aĝis sesdek jarojn la prestiĝa bulgara hispanisto Aleksandro Muratov, kaj kvankam lia nomo estas malmulte konata en la lando al kiu li dediĉis bonan parton el siaj laboroj plaĉas al ni la ideo rememori en ĉi tiuj paĝoj tiel fervoran amikon de la hispana literaturo.

Muratov naskiĝis en Pleven en la suda bordo de la rivero Danubo, studis Romanikan Filologion en Sofio kaj en Parizo kaj, estante tre juna, komencis kunlabori en literaturaj gazetoj. De la 1948a jaro en kiu aperas lia unua traduko, li ne ĉesis intensigi sian scion de la kastilia lingvo kaj publikigi verkaĵojn rilate al nia literaturo. Lia plej freŝa verko estas antologio tre kompleta de kvar dek poetoj de la XXa jarcento, ekde Johano Ramono Jiménez ĝis Kaŭdo Rodríguez (Sevremenna Ispanka Poesia = Poesía Española Contemporánea) (1962) kaj "Elektitaj Verkoj", de la sama aŭtoro (1973) realigitaj en kunlaboro kun alia granda poeto bulgara, Atanas Dalchev. En ĉi tiu lasta traduko intervenis la filo de Muratov, ankaŭ hispanisto, kiu prenis sur sin la tradukon de la teatro kaj la prozo de Lorca kaj de bonega eseo-antaŭparolo.

Aleksandro Muratov estas eminenta poeto, kiu aperigis plurajn verkojn: "Danuba Printempo", "Estanta Tempo", "La Savita Lumo", "Malgranda Kvartalo", ktp. Kaj pluraj volumoj de poemoj por Infanoj, ĝenro, kiun kulturas multe la plej bonaj bulgaraj verkistoj. De lia lasta libro "En ĉi tiu Mondo" (Na Toia Sviat) (1973) ni elektis kaj tradukis poemon, el kiu transcendas la senkuraĝiĝon kaŭzitan de la malsano de la okuloj, kiun suferas la aŭtoro, lige kun la ne malpli amara pripenso pri la sinofero kaj anonima laboro de la tradukinto. — JUAN E. ZUÑIGA.

(El la semajna gazeto "INFORMACIONES DE LAS ARTES Y LAS LETRAS". Esperantigis INSTRUISTO.)

## LA GRUPO FIDO KAJ ESPERO DE VALLADOLID AKTIVAS

Kiel anoncite, la 18-an de Marto, en la sidejo de la Grupo, komencis ciklo da paroladoj pri diversaj temoj, organizita de la estraro kun la celo plivigligi la vivon de la Grupo kaj samtempe kuraĝigi al ĝiaj membroj en la uzo de la Internacia Lingvo.

Unua preleganto estis nia entuziasma samideano, S-ro Luis Hernández, kiu parolis pri U.E.A. Li legis kelkajn artikolojn de la Statuto de U.E.A., kie klare estas fiksita la neŭtraleco, kiu devas regi la Asocion. Poste li klarigis la metodon por elekti komitatanojn kaj reliefigis la eventojn okazintajn dum la lasta Universala Kongreso, jam sufiĉe konatajn de la tuta samideanaro. Sekvis interesa kolokvo kaj ĉiuj ĉeestantoj konsentis ke neŭtraleco estas nepra kondiĉo por ke U.E.A. povu reprezenti la tutmondan esperantistaron.

La 15-an de Aprilo, S-ino M. R. Urueña, sekretariino de nia Grupo, kaj profesorino pri Internacia Juro en nia Universitato, parolis pri "La Internacia Virina Jaro", laŭ la Internacia Juro kaj la aktualaj leĝoj en nia lando. La aktualeco de la temo vekis grandan intereson inter niaj samideanoj, kiuj atente sekvis la bone dokumentitan prelegon, de nia samideanino, kiu je la fino devis respondi plurajn demandojn de la ĉeestantoj.

Tiamaniere, la Esperanto-Grupo de Valladolid daŭrigas sian konstantan agadon por la perfektigo de la lingvo inter siaj membroj.

*Ĉeestanto*

## ELSTARA ESPERANTISTO VIZITIS NIAN URBON



La Valladolid-a Grupo ricevis en sia sidejo la viziton de grava esperantisto Dro. Lajos Lesznai el Hungario, akompanata de sia edzino.

Okaze de turismvojaĝo tra Hispanio, Sro. Lesznai kaj edzino pasigis 5 tagojn en nia urbo, vizitante la ĉefajn artaĵojn. La estraro de "Fido kaj Espero" profitante la okazon, invitis lin prelegi en nia sidejo pri sia Lando.

La 19an de Aprilo je la 8,30 vespere Sro. Lesznai per fluaj vortoj prelegis esperante pri "Hungario kaj la hungaroj". Li komencis dirante ke lia Lando estas malmulte konata en Hispanio, kaj tion li konstatis, kiam li parolis kun hispanoj. Pro tio, li deziras klarigi plu pri tiu temo. La preleganto komencis citante la geografiajn limojn de sia Lando, dirante ke Hungario pro sia geografia situacio kaj ankaŭ pro sia historio estas konsiderata kiel limo inter Oriento kaj Okcidento.

Hungario estas granda ebenaĵo kun du gravaj riveroj kiuj trapasas la landon: Danubo kaj Tzisa.

Ĝiaj enloĝantoj havas tre diversajn karakterojn, konsekvenco de turkaj kaj aliaj migradoj, ĉar estis la finnaj gentoj kiuj unue migris ĝis la nuna Hungario, kun sia lingvo, kaj tie miksiĝis kun aliaj lingvoj. Pro tio, la hun-

gara lingvo ne evoluis kiel la aliaj naciaj lingvoj, kaj ĝi havas parencecon nek kun la germanidaj, nek kun la slavidaj, nek kun la latinidaj lingvoj, ĉar ĝi estas tute malsimila. La plej proksima, eble, estas la finna lingvo.

Historie, klarigis la preleganto, la mongoloj detruis la Landon kaj post ilia foriro, ĉio estis denove rekonstruita, atingante la plej brilajn jarojn dum la XV.ª jarcento dum la regado de Reĝo Matias; sed la turkoj ankaŭ minacis kaj konkeris parton de la Lando, detruante, denove, multajn artaĵojn, kaj tio estis la kaŭzo ke Hungario restis pli longe en Mezepoko, dum aliaj landoj evoluis.

Dum la 19a jarcento estis necese, por atingi sendependencon, batali kontraŭ la Habsburga dinastio ĝis la fino de la 1.ª Mondmilito. Post la 2.ª Mondmilito estis necese, denove, konstrui novan Hungarion.

Nun, Hungario, estas lando kies enloĝantoj legas, diris la preleganto, ĉar ĝi kun pli ol dek milionoj da enloĝantoj, posedas 89 Universitatojn kaj Altlernejojn. Ĉiujare aperas multaj novaj libroj, kaj inter ili multaj esperante.

Pri la arto, li diris, ekzistas, ankaŭ, gravaj artaĵoj kaj la hungaraj muzikistoj estas jam famaj en la tuta mondo.

Fine, Sro Lesznai diris ke en Hungario ekzistas grava esperantista movado, nur en Budapeŝto estas pli ol 15 Grupoj.

Sro. Lesznai estis atente aŭskultata de la tuta ĉeestantaro kiuj premiis lian interesan prelegon por tondra aplaŭdado.

Poste Sro. Lesznai projekciis diapozitivojn pri sia Lando, ja interesajn.

Je la fino kaj invititaj de la Grupo, ĉiuj ĉeestantoj iris al apuda ĉambro por gustumi hispanan vinon.

La 20an, dimanĉon, 18 gesamideanoj kunvenis en grava restoracio de la Urbo por inviti la hungaran paron.

*M. R. Urueña*

---

## 17.ª KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

Okazonta en Gerona la 13-an kaj 14-an Septembro 1975
Akceptejo: Colegio Menor "Obispo Cartaña", en str. Antich Roca

### PROGRAMO

| | | |
|---|---|---|
| 13-an je la | 19,30 h. | Inaŭguro de Esperanto-Ekspozicio en "Casa de la Cultura" (Plaza Hospital). |
| | 21,15 h. | En la aŭditorio de "Casa de la Cultura" publika prelego fare de S-ro Ramón Molera, pri la temo "Per Esperanto tra Europo". |
| 14-an je la | 9,30 h. | Akceptado de la partoprenantaro. |
| | 11,30 h. | Meso kun prediko en Esperanto; ĝin celebros P. Manuel Casanoves CMF, en la paroĥejo "San José" (apud la akceptejo). |
| | 12,— h. | Arta festivalo, en la aŭditorio de la akceptejo. |
| | 14,30 h. | Frateca kunmanĝado en hotelo "Mirallac" en Bañolas (fronte al la lago). |

Libroservo troviĝos disponebla por la libroamantoj.

Prezo de la konmanĝado: 285 ptoj. Rezervo de sidlokoj por ĝin partopreni, ĉe S-ro Santiago Torné Grau, Roca, 22, 3.º-2.ª, SABADELL (Barcelona), ĝis la 8-a.9.1975.

---

## 1.ª ARTA JUNULARA FESTIVALO

Per sprita afiŝeto, la Junulara Sekcio de la Centro de Esperanto Sabadell anoncis la 1-an Artan Junularan Festivalon, kiu okazis la 8-an de junio.

Bedaŭrinde, la anonco alvenis al la Redakcio de BOLETIN tro malfrue por ĝin aperigi en pasinta numero de nia revuo.

Pri la sukceso de la festivalo ni ne dubas. Koran gratulon al la organizintoj.

Kiel anoncite en pasinta numero de BOLETIN, la Sarlanda Esperanto-Ligo konscia de la problemoj ekestintaj per la forlaso de la principoj de neŭtraleco kaj demokrateco, fare de la nuna UEA, post intensaj interparoloj kun diversaj aktivuloj en la Esperanto-movado kaj funda analizo de la posthamburga situacio de UEA, decidis organizi Internacian Konferencon kun la kadra temo: *"La lingva problemo en la nuntempa mondo kaj la aktualaj taskoj de la neŭtrala Esperanto-movado"*. Prof. Dro. Ivo Lapenna konsentis fari la enkondukan prelegon kaj partopreni en la laboroj de la tuta konferenco.

La neŭtralaj esperantistoj bonvenigis tiun decidon de niaj germanaj samideanoj kun ĝojo kaj danko ĉar, de nun, ili denove povos —internacie organizitaj— labori por kaj per Esperanto en la solvo de la monda lingvo-problemo laŭ praktikaj metodoj bezonataj de la moderna vivo, sed ankaŭ laŭ la spirito de Dro. Zamenhof; tio estas, neŭtrale kaj demokrate, nepra kondiĉo por homa kunfratiĝo.

Bedaŭrinde ĉijare la Konferenco estis anoncita tro malfrue, kaj pluraj samideanoj, kiuj volonte partoprenus ĝin, devas rezigni sian deziron; sed ni ankaŭ povas elmontri nian solidarecon kaj fidelecon al la Zamenhofaj principoj pere de nia aliĝo kaj helpo en la diskonigo de la,

UNUA INTERNACIA KONFERENCO DE LA NEŬTRALA ESPERANTO-MOVADO

10-17 Aŭgusto 1975, Universitato de Sarlando, Saarbrücken, FRG
Honora Protektanto, Prof. Dro. Hans Faillard la Prezidanto de la Universitato

PROVIZORA PROGRAMO

A. *PRELEGOJ KAJ DEBATOJ*

*Enkonduka prelego:* Prof. Dro. Ivo LAPENNA (Britujo): La monda lingvo-problemo kaj la rolo de la organizita Esperanto-movado.

*Informado:* André BOURDEAUX (Francujo): Modernaj principoj de informado.
N. N.: La graveco de objektiva informado de la Esperanto-gazetaro.
N. N.: Sciencaj esploroj kiel bazo de efika informado.
Heinz Dieter MAAS (FRG): Nuna stato de maŝin-tradukado.

*Instruado:* Günther BECKER (FRG): Rimedoj de lingvolernado.
Prof. Dro. Max MANGOLD (FRG): Lingvistikaj konsideroj pri la facila lernebleco de Esperanto.
Jean THIERRY (Francujo): Efika memlernado de Esperanto.

*Klerigado:* Reinhard HAUPENTHAL (FRG): Triŝtupa klerigado de la esperantistoj.

*Organizado:* Helmut SONNABEND (FRG): La rolo de ILEI en la neŭtrala Esperanto-movado.
Marianne VERMAAS (Nederlando): Administraj problemoj de la organizita Esperanto-movado.

Post ĉiu prelego okazos vasta diskuto kaj apartaj kunsidoj en laborgrupoj. En la lasta tago de la Konferenco okazos ĝenerala diskuto, rezulte de kiu oni formulos la ĉefajn konkludojn.

B. *OFICIALAJ ARANĜOJ*

Publika forumo (podia diskutado) en la universitato; — Gazetara konferenco; — Akcepto ĉe aŭtoritatoj; — Vizito de la komputera centro.

C. *LIBERTEMPA PROGRAMO*

Tagekskurso al Trier (1975-08-15); — Rondveturo tra Saarbrücken; — Vizito al Bexbach kaj Homburg (Mineja muzeo kaj sabloŝtonaj kavernoj).

En Saarbrücken mem troviĝas la German-Franca Ĝardeno kun multaj ripoz- kaj amuzeblecoj.

Ĉiu aliĝinto ricevos la detalan definitivan programon.

La aliĝkotizo estas 20,— DM. La nombro de la aliĝoj estas limigita al 100. Limdato por aliĝo estas 1975-08-01.

Konstanta adreso: Sarlanda Esperanto-Ligo r. a., Franz-Schubert-Str. 26, D-6602 DUDWEILER.

Hispanaj interesiĝantoj petu la aliĝilon kun programo kaj interesaj informoj ĉe Inés GASTON, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA.

## REVUO DE LA REVUOJ

La s-ro redaktoro de ESPERANTO denove surprizas nin per unu el siaj vere kolektindaj rimarkoj. Temas ĉi-foje pri la prezento de la enhavo de ESPERANTO (n.º 832, aprilo 1975). Sur ĝia dua paĝo, s-ro Milojeviĉ skribas interalie:

*«Eventuale vi rimarkos, ke ni ankaŭ en ĉi tiu numero sukcesis rezisti al la malnov-stilaj defioj, kiujn direktis al nia revuo iuj aliaj movadaj periodaĵoj. Nu, ne temas pri tio, ke ni ne havas kion diri, sed pri la fakto, ke ni nek volas, nek trovas tempon okupiĝi pri tiuj bastonoj celantaj haltigi la radon de la neŭtrala Esperanto-movado.»*

Antaŭ ĉio ni devas gratuli la s-ron redaktoron pro lia interesa eltrovo, ke ekzistas defioj de 'malnova stilo' kaj, implicite, de nova stilo. Bedaŭrinde, s-ro Milojeviĉ ne ĝenas sin klarigi la diferencon inter unu kaj la alia. Eble la "defioj" de nova stilo estas pli elegantaj kaj respektindaj ol la malnovaj.

Sed plej enigma estas, ke la s-ro redaktoro ne volas mencii la nomojn de "la bastonoj". Kial? Ĉu la legantoj de ESPERANTO estas tiel nematuraj, aŭ tiel nefidindaj, ke oni devas ne informi ilin pri aferoj, kiuj rekte tuŝas ilin kiel esperantistojn?

Ĉar s-ro Milojeviĉ envolvas sin en la misteron, ni devas fari konjekton rilate la sencon de lia kabalaĵo. Ni supozas, ke s-ro Milojeviĉ *ne* aludis nian organon BOLETIN, ĉar li volonte mencias ĝian nomon, kiam li alpafas kontraŭ ĝi sian indignon. Jam en januaro ĉi-jara, li skribis en ESPERANTO, ke "*en la periodaĵo de la Hispana Esperanto-Federacio, BOLETIN, komencas aperadi kontribuaĵoj, kies celo estas subfosi la fidindecon de la novaj gvidorganoj de UEA*". Rekte kaj klare, ĉu ne?

Okazas, tamen, ke la solaj "defioj" al UEA —mi ne scias, ĉu malnov-stilaj aŭ nov-stilaj— aperas en "movadaj periodaĵoj" de orientaj landoj eŭropaj. Mi ripetu, ĉar ekzistas personoj kun tre malbona memoro, kion diris, por ekzemplo, STARTO, 6 (44) 1974, organo de la Ĉeĥa Esperanto-Asocio:

*«UEA, same kiel ĉiuj aliaj organizaĵoj celantaj la internacian sferon, estas devigata respeguli objektivajn ŝanĝojn en la internacia vivo. Ĝi ne povas neglekti ilin, se ĝi mem ne volas esti neglektata. Interne de UEA oni ne povas malatenti la kvantan fortiĝon de la asocioj el la socialismaj landoj, kaj sekve ankaŭ enradikiĝon de la novaj tendencoj en la aplikado de la internacia lingvo. La esperantistaro atendas de la nova estraro, ke ĝi respektos ilin.»*

Eĉ ne la kokoj kantas pli klare kaj pli laŭte!

La kerno kaj la esenco de la afero konsistas en tio, ĉu s-ro Milojeviĉ pensas, ke la deklaro de ĉi tiu "movada periodaĵo" devas esti rigardata kiel atenco kontraŭ la neŭtrala Esperanto-movado, aŭ male, kiel fidela interpreto de la oficiala linio de UEA. Se vi, sinjoro Milojeviĉ protestas kontraŭ BOLETIN, klare menciante ĝian nomon, same protestu (se vi povas, aŭ kuraĝas) kontraŭ la vere veraj "bastonoj", skribante iliajn titolojn. Kaj se vi opinias, ke tiaj "movadaj periodaĵoj" respektas la neŭtralecon, nu, sentime konfesu tion, por ke viaj legantoj sciu per unu fojo kian specon de neŭtraleco praktikas UEA.

HEROLDO DE ESPERANTO, n.º 7 (1578), 16-4-75, dediĉas plenan paĝon pisti, draŝi, mueli kaj haki la jam faman verkon "Esperanto en Perspektivo", kies aŭtoro estas d-ro Ivo Lapenna en kunlaboro kun d-ro Tazio Carlevaro kaj s-ro Ulrich Lins. La ferocan atakon lanĉis precipe s-ro G. C. Fighiera. Kompreneble, ne estas mia intenco komenti la artikolegon de s-ro Fighiera, des malpli ke, prefere ol la libron, li atakas la personon de d-ro Lapenna, do al ĉi lasta apartenas fari la rebaton, se li opinias, ke valoras la penon respondi tiel belan modelon de pamfleta ĵurnalismo (ĉu nov-stilan aŭ malnov-stilan, s-ro Milojeviĉ?). Mi nur deziras tiri la atenton de la leganto al ĉi tiu lasta alineo de la enkonduko al la artikolo:

*«Ĉar en la pritaksoj esprimiĝas pluraj negativaj opinioj, mi malfruigis la aperigon de la recenzoj kelkajn monatojn; ni ne volis, nome, ĝeni UEA en la lanĉo kaj komenca vendado de la verko, kiun ĝi eldonis en 3.000 ekzempleroj kaj en kiu ĝi investis kapitalon ne malproksiman de 100.000 guldenoj, enkalkulante la laboron de la Centra Oficejo.»*

Kion pensi ĉe tiel eksterordinara deklaro? Kvankam s-ro Fighiera havas la absolutan konvinkon ke "Esperanto en Perspektivo" meritas nur la fajron de la infero, li, anstataŭ tuj averti al siaj fidelaj legantoj pri la forĵetindeco de la volumo, preferis silentegi kelkajn monatojn, nur por ke ili aĉetu la libron kaj helpu tiel la financon de UEA. Tio ne ŝajnas lojala konduto rilate al la legantoj. Kaj cetere, ankaŭ ne rilate al UEA, ĉar, pro lia senkompata atako, sendube aliaj ĝisostaj "heroldanoj" rifuzos akiri la verkon, ĝuste kiam, laŭ anonco de UEA aperinta en ESPERANTO de majo ĉi-jara, ĝis nun vendiĝis 600 ekzempleroj el la eldonitaj 3.000. Resume, s-ro Fighiera malfidelas unue kontraŭ siaj legantoj kaj poste kontraŭ UEA. Kaj, krome, li senĝene konfesas tion! Se li kondutas tiel al siaj amikoj, oni perfekte komprenas, ke li trempas sian plumon en galon, vitriolon kaj venenon por skribi tiel verve kaj elokvente pri siaj malamikoj!

——oOo——

LITERATURA FOIRO, n.º 28, decembro 1974, aperigas la artikolon "La brosproblemo" verkitan de d-ro I. Szerdahelyi, kie li faras nombron da asertoj tre diskutindaj. D-ro Szerdahelyi ne akceptas la gramatikan kategorion de la morfemoj kaj pretendas rebati en sia artikolo la kontraŭan opinion de prof. Waringhien. D-ro Szerdahelyi asertas:

*«La sistemo de vortfarado en Esperanto estas tiom komplika, eble eĉ pli, ol en kelkaj naciaj lingvoj. Same la sintaksa parto de PG (fakte franca sintakso) demonstras ne la facilecon, regulecon kaj planitecon de la lingvo, sed ĝian komplikecon. Ni devas do serĉi kaj trovi multe pli simplan, pli konsekvencan, pli adekvatan al la lingvo-priskribo modelon.»*

Ŝajnas al mi, ke PG *surbaze* de la facileco, reguleco kaj planiteco de la lingvo, esploras kaj difinas ĝian parton de komplikeco. Sed, kion fari? Absolute nenia modelo de lingvo-priskribo povus simpligi tion, kio en si mem estas komplika.

D-ro Szerdahelyi aldonas pli antaŭe:

*«Vole nevole ni devas do konscii, ke* broso, martelo *kaj aliaj similaj* iloj *en esperanto aperis nepripensite, hazarde kaj kontraŭas la pli ĝeneralan, pli konsekvencan kaj pli dinamikan kaj produktivan formon haki/hakilo, balai/balailo. La solvo do estas: ni konceptas tiun fenomenon kiel escepton, aŭ ni permesas la paralelan uzon de brosilo.»*

Je Dio, doktoro! Tio kondukus nin al la absurdo allasi ankaŭ —kial ne?— la esprimojn spronilo anst. sprono, bandaĝilo anst. bandaĝo, tenajlilo anst. tenajlo, vipilo anst. vipo, kaj tiel senfine. Kaj kion signifus sprono, bandaĝo, tenajlo, vipo ktp.? Ĉu ili egalus al verbaj substantivoj similaj al spronado, bandaĝado, tenajlado, ktp.? Ĉu tio ne puŝus nin rekte al la derivsistemo de Ido?

Mi opinias, ke prof. Waringhien trafas la ĝustan klavon, kiam li diras en paĝoj 97-98 de sia epokfara libro "Lingvo kaj Vivo":

*«Estas kelkaj radikoj, kiujn oni povus meti en alian kategorion ol tiun elektitan de la aŭtoro de Esperanto. Ekz. la radikoj abomen', agac', ktp. kiuj estas substantivaj, povus esti egale bone konceptataj kiel verbaj; argument', arm', ktp. klasitaj kiel verbo povus esti apriore rigardataj kiel substantivoj; atent' estas adjektivo, sed ĝi teorie estus klasebla kiel verbo ktp. Kion konkludi pri ili? Evidente la uzanto de la lingvo estas devigata lerni ĉe ili ne nur*

*la signifon, sed ankaŭ al kia kategorio ili apartenas: sed tiun plian ŝarĝon oni ne povas evitigi al li. Ĝuste ĉar la ideo esprimita de tiuj radikoj estas plurvizaĝa, iu aŭ io ja devis nepre decidi pri ilia gramatika karaktero. Tia leĝodona aŭtoritato estas la Fundamento.»*

Ke, laŭŝajne, d-ro Szerdahelyi pretendas, eĉ se teorie, meti "ordon" en la strukturon de Esperanto, ignorante la gramatikan kategorion de la morfemoj, mi absolute ne povas kompreni, ĉar, se oni ne observus tian kategorion, Esperanto ĉesus ekzisti aŭ transformiĝus en alian Idon.

Sendube d-ro Szerdahelyi estas kompetenta lingvisto-fakulo, same kiel d-ro Janton, sed, de la momento kiam li distanciĝus, en la praktiko, de la Fundamenta bazo de Esperanto, li estus ankoraŭ lingvisto-fakulo, sed ne jam esperantisto. La VERO ne ekzistas, d-ro Szerdahelyi, kaj des malpli en konvencia fenomeno, kia estas lingvo. La lingva konvencio de Esperanto nomiĝas Fundamento, kaj se ni komencus denove serĉi en ĝi —por la kioma fojo?— pli da logiko, pli da natureco, pli da simpleco, kaj eĉ la VERON kun majuskloj, tiam ni havus ne Esperanton, sed nombron da diversaj derivaĵoj.

Unu sinjoro volas nuntempe modifi la ortografion kaj la prononcon de Esperanto, ĉar li aspiras pli grandan naturecon kaj simplecon; aliaj sinjoroj volas modifi la sintakson kaj la vortfaradon, ĉar ili deziras pli da reguleco kaj logiko. D-ro Szerdahelyi volas la VERON.

La kompatinda Zamenhof, kiu ne estis lingvisto-fakulo, konis tamen la elementan fakton, ke la konceptoj de logiko, natureco, simpleco, reguleco, ktp. varias de popolo al popolo kaj eĉ de persono al persono, kaj ke, sen la ekzisto de deviga konvencio lingva, Esperanto disidiomiĝus kaj disdialektiĝus, kiel instrue pruvis siatempe la fenomeno Ido.

Sed ŝajnas, ke ĉiun duan aŭ trian jardekon, kun monotona periodeco, la esperantistoj devas suferi la saman tedan plagon da naturuloj, ortografiuloj kaj logikuloj, eble kiel punon de la ĉielo pro niaj tre multaj pekoj.

Kaj kun plej sinceraj salutoj kaj bondeziroj, ĝis la proksima revu-rikolto, via

*F. de Diego*

## 60.ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Frederiksberg (Kopenhago) Danlando de la 26ª de julio ĝis la 2ª de aŭgusto 1975

Alta Protektanto: Anker Jørgensen, ĉefministro de Danlando

Informoj riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdan - 3002 Nederlando.

Estas dissendita la Dua Oficiala Bulteno de la Kongreso, belaspekta 32-paĝa ilustrita kajero kun interesaj informoj.

Statistiko: (ĝis la 20-a.4.1975).

Entute 941 aliĝintoj el 43 landoj (Hispanoj 13).

## INFORMACION

Siendo varios los esperantistas que continúan escribiendo a la familia del Dr. Tudela para preguntar si pueden seguir haciendo sus pedidos de Vocabularios a la misma dirección, informamos para general conocimiento, que pueden seguir haciendo sus pedidos a nombre de: Amparo Tudela Pla, c/ Ruzafa, 41, Valencia-6, por ser ella quien se ocupa del suministro de los Vocabularios, de que era autor su padre.

A la vez advertimos que ya sólo queda existencia del Vocabulario Español-Esperanto y del Diccionario Elemental Español-Esperanto y Esperanto-Español.

Asimismo el Libroservo de la Federación tiene a la venta los Vocabularios del Dr. Tudela.

## Ni legis por vi...

INTERESA ARKEOLOGIO, de Marinko Ĝivoje. Eldono: Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT), Parizo, 1973. Formato 10,7 × 17,2 cm. 66 paĝoj, kun abundaj fotoj kaj desegnoj, broŝurita. Prezo: 140 ptoj.

Temas pri fasko da arkeologiaj temoj verkitaj, en plaĉa stilo kaj flua lingvo, de la konata aŭtoro de *Sekretoj de la mar-estaĵoj*. Kompreneble, la libro nek estas, nek pretendas esti sistema traktato arkeologia, sed havas la meriton fari leginda kaj interes-kapta sciencan fakon, kiu unuavide ŝajnas teda al ni, laikoj. La verko, en sia kategorio de vulgarigaĵo, tre bone plenumas sian celon. Bela libro-premio por la plej diligentaj lernantoj de niaj junulaj kursoj!

*Fernando de Diego*

KARNAVALO, de Lina Gabrielli. Eldono: Karol Kleszczyinski. International Center of Arts, Roma, 1973. Formato 14 × 20,3 cm. 80 paĝoj, broŝurita. Prezo:

*Karnavalo* estas la titolo de la ĉefa el kvin rakontoj, kiuj formas la libron. Jen la titoloj de la aliaj pecoj: *Solulino, Pieroto, Libertempo en Venecio, Unu Jaro kaj Duono*. La rakontoj, facile legeblaj kaj legindaj, ne nur distras, sed ankaŭ igas nin pensi kaj simpatii kun la aŭtorino-protagonisto. Sento de minuskomplekso rolas kiel ĉefmotivo en *Karnavalo,* dum en la aliaj noveletoj la amo finas en solecon aŭ en timon al soleco. La sengena tono de kelkaj partoj de la libro impresas kiel eleganta maniero kaŝi la amaron de sensiva kaj —ĉu ni diru?— intime malfeliĉa koro.

En *Solulino,* kelkaj frazoj en la angla devus aperi en pli ĝusta formo kaj ortografio. Sed la libreto estas absolute rekomendinda.

*Fernando de Diego*

LA STRANGA BUTIKO de Raymond Schwartz. Eldono de Dansk Esperanto-Forlag, Aabyhoj, 1974. 128 paĝoj, 14,5 × 25 cm. Prezo: 20 dkr.

Dank' al feliĉa kaj laŭdinda iniciato de Dansk Esperanto-Forlag, jen denove nia kar-memora Schwartz kun sia fabele riĉa sprito kaj sia petola bonhumoro. Relegi la burleskajn poemojn de *Verdkata Testamento* kaj de *La Stranga Butiko* konvinkas nin pri la enormaj kapabloj de Esperanto, pli ol mil teoriaj studoj.

Kiel prave diras Haupenthal en sia enkonduko, *"en la arto de la vortludado, de la delikataj aludoj kaj senfinaj malkovroj, Schwartz restis originala kaj neelĉerpebla ĝisfine".*

La *Verdkata Testamento,* kune kun *La Stranga Butiko,* de la sama aŭtoro kaj reeldonitaj de la sama eldonejo Dansk Esperant-Forlag, akompanu vin kiel plej distraj amikoj en via somera ferio. Vi ne bedaŭros la elekton.

*F. de Diego*

PROVERBARO ESPERANTA de L. Ludoviko Zamenhof. Eldonis J. Régulo (Stafeto), La Laguna, Tenerifo, 1974. 168 paĝoj, 13,3 × 19 cm. Dua eldono. Prezo: 190 ptoj.

La fakto, ke en relative mallonga tempo, aperas ĉe Stafeto dua eldono de *Proverbaro Esperanta* indikas la kreskantan popularecon, absolute meritantan, de ĉi tiu juvela libro de la kreinto de Esperanto. Neniu serioza esperantisto amanta la lingvon kaj ties belan esprimeblecon devus malhavi la Proverbaron, kiu estas modelo de frazeologio kaj de lingvo suka kaj populara. La libron riĉigas interesa enkonduko de prof. Gastón Waringhien, kaj indeksoj analiza kaj sinteza —iom tro komplikaj, mi konfesu— pretigitaj de Camille Rogister.

Libro absolute rekomendinda kaj aĉetenda.




# XXXVª Hispana Kongreso de Esperanto

**Organizita de H. E. F., okazonta en Lérida**
**de la 18ª ĝis la 22ª de julio 1975**
**Adreso de la Organiza Komitato:**
**Apartado 88 - Lérida**

## PROGRAMO

*18 julio*

16-a horo — Kongresejo malfermita por disdono de dokumentoj, libroservo, informado, ktp.
22,30-a — Interkonatiĝa vespero en "Club Antorcha" (str. Mayor).

*19 julio*

11-a horo — Solena inaŭguro de la Kongreso en la Sindikata Domo (placo 18 Julio).
16-a — Inaŭguro de Esperanto-ekspozicio en la ekspozicia salono de la "Caja de Pensiones para la Vejez y Ahorro de Cataluña" (Ŝparkaso). Laborkunsido de la Estraro de H.E.F. kun Delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj.
Fakaj laborkunsidoj.
20-a — Katolika meso en Esperanto kun prediko en la antikva "Seo". Je la fino en la klostro de la "Seo" Koncerto de "Coral Sicoreis".

*20 julio*

Tuttaga ekskurso al "Valle de Arán".

*21 julio*

10-a horo — Oratora Konkurso organizita de Fundación ESPERANTO.
12-a — Inaŭguro de strato Dr. Zamenhof. Sekve Oficiala akcepto en la Urbodomo fare de la Magistrato de Lérida.
16,30-a — Ĝenerala Kunveno de H.E.F. en la "Escuela Normal de Magisterio" (str. General Yagüe).
20-a — S-ro Gabriel Mora Arana prelegos en Esperanto pri la temo "Poetoj kaj artistoj en Lérida", en salono de sama Altlernejo.

*22 julio*

10-a horo — Vizito al la bier-fabriko "San Miguel". Vizito al la Ekspozicio de tapiŝoj en la Katedralo (str. Mayor).
19-a — S-ro José M.ª Rasquín prelegoj en hispana lingvo pri la temo "El Esperanto y el problema lingüístico mundial". La prelego okazos en la "Sala Magna" de la Instituto de Ilerdensaj Studoj.
Sekve okazos la Solena fermo de la Kongreso.
22-a — Oficiala bankedo en Hotelo "Condes de Urgel".

Akceptejo kaj Kongresejo: Instituto de Ilerdensaj Studoj (str. Mayor).

TIP Ç. BOLOIX -REINA FABIOLA, 7 -ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63